# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 23/11/2018 Kvarcentunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart.* *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 757,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 372,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 77,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 11





Fine: kion aŭ kiun fidi pri la ĝusteco aŭ ne de la Esperanta gramatiko kaj de novaj vortoj? La respondo estas: neniun! Kaj plej malmulte la vortarojn, la instrulibrojn, la Esperanto-instruistojn, la specialajn gramatiklibrojn, kaj la nekompetentan Akademion de Esperanto. Fidu plej multe la Plenan Analizan Gramatikon de Waringhien kaj Kalocsay, sed certe ne ĝiajn opiniojn pri la Participoj kaj pri la Pasiva Voĉo. Fidu kritike mian tricentpaĝan gramatiklibron ": Lingvaj Resondoj", nun haveblan ankaŭ en elektronika formo kontraŭ 20 dolaroj. Neniu lingvisto ĝis nun kuraĝis pruve kritiki ĝin. Se vi loĝas en Aŭstralio demandu la opiniojn de Bob Felby, de Bernard Heinze, kaj de Tristan McLeay. Se vi havas spiritajn konektojn kun la mortintoj, konsultu Ivan Heldzingen, D.ron Donald Broadribb, Prof.on Ronald Gates, kaj Registaranon Kep Enderby, kiujn mi ŝategus havi vivantaj kiel amikojn kaj kiel tre klerajn gramatikistojn. Fino de la Serio.

Proksimsemajne mi daŭrigos la Serion "La Verbo en P.A.G.". *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kelkaj Komentoj pri mondaj aferoj



Pere de Esperanto ni strebas al universala harmonio, sed ho ve, ĝi hodiaŭ forte mankas mondvaste. La monda skuiĝo ekstremdekstre ege maltrankviligas. Kaj en la Blanka Domo la neĉarnirigita arlekenaĉo daŭre sputas venenon kontraŭ "la alia", t.e. kontraŭ ĉiuj kiuj ne akordiĝas kun liaj opinioj, kredoj, voloj; li konstante alvokas malamegon kaj la plej malnoblajn sentojn. La bestoj agas perforte kaj kruele pro simpla neceso travivi; homaj tiranoj agas tiel por superregi.

Do, longe vivu *Homaranismo* kaj la *Interna Ideo* de Zamenhof kaj portiloj de tiaj sentoj kia estas *Aŭstraliaj Esperantistoj.*

(Postskribo: Ĉiuj homoj ridetas per la sama lingvo! :)) *Vera Payne*








Karega Roger,
Gratulojn al vi Roger, pro la publikigado de la "Aŭstraliaj Esperantistoj" dum tiom da tempo.
Ĝi estas tre altvalora ŝatata komunikilo inter la amikoj de Esperanto kiun ni ĉiufoje ĝoje atendas.
Brizbana Esperanto – Societo *Peter Danzer*





Memkompreneble mi membriĝas al la grupo de gratulantoj okaze de la 400-a AE kaj dankas pro la bonega laboro, kiun vi faras. *Peter Weide*





Ankaŭ mi aldonu miajn dankojn kaj gratulojn al Roger pro 400 eldonoj de *Aŭstraliaj Esperantistoj*, la ĉiusemajna novaĵletero el Manlio kiu atingas ankaŭ eksterlandajn samideanojn. *Vera Payne*





Ankaŭ mi gratulas vin pro la 400-a! Kia atingo! Kore *Trevor Steele*



**Mesaĝoj por AE** Mi ricevas multegajn retmesaĝojn tage. Ĉar mi antaŭe spertis atakon cele elaĉetpagon, mi nuligas ne konatajn mesaĝojn. Treege malofte mi erare nuligas gravajn mesaĝojn. Do se mi ne uzas vian mesaĝon resendu ĝin al mi. *Roger S.*





# Ĉu mia ĝardeno bezonas nomtabuletojn sur la arboj?

## KELKAJ NOMOJ DE GRAMATIKAĴOJ EN ESPERANTO.



La kernoj de la kvar frazpartoj en Esperanto estas Substantivo por la Subjekto, Verbo por la Predikato, Substantivo por la Objekto, kaj Prepozitivo aŭ Adverbo por la Adjekto.

Ĉiu el tiuj frazpartaj kernoj povas ĉehavi komplementojn, kaj la komplementoj povas ĉehavi pliajn komplementojn. La komplementoj dividiĝas en tri specojn kun siaj tri diversaj reguloj, kvankam kelkfoje eŭropanoj nomas Komplementoj ankaŭ la Objekton kaj la Adjektojn.

### La tri specoj de Komplemento estas la jenaj:

1). **La EPITETO**. Ĝi esence estas unu vorto kiu determinas la Determinaton, la Kernon, al kiu ĝi donas pli da signifoj. Se la Determinato estas Substantivo, la Epiteto, la Determinanto, esence, kaj kutime, estas adjektivo, sed ne ĉiam: "La b e l a rozo", "La f l o r a n t a rozo", "La rozo ĉ i t i e". Se la Determinato estas Infinitivo, la Epiteto estas Adverbo: "Manĝi e k s t e r e eblas nun". Sed 99% de la Epitetoj estas Adjektivoj ĉe Substantivo, aŭ Adverbo ĉe Adverbo aŭ ĉe Adjektivo. Se la Determinato estas Adverbo, ĝia epiteto estas ankaŭ Adverbo: "Ni promenis t r e rapide" kaj "Ŝi retrovenis piedirante r a p i d e ". Sed en kelkaj maloftaj tiaj kazoj la determinata Adverbo funkcias kiel Substantivo (kaj prefere uzatu tiel), kaj tiam ĝia Determinanta Epiteto estas Adjektivo: "Multe h a v e b l a jam forvendatis".

2). **La SUPLEMENTO**. Ĝi esence estas Prepozitivo determinanta plej ofte Substantivon: "Mi vendis l a domon a p u d m i a l o ĝ e j o," Notu ke "la" estas speciala adjektivo nomata "Difina Artikolo", kiu ne povas ŝanĝati nek kunmetati. Kelkfoje la Suplemento determinas Adverbon: "Mi hejmiris rajdante s u r m i a b i c i k l o", kaj "Kiom d a g r a d o j estas nun?". La Suplemento uzatas ankaŭ kun Infinitivo kiel sia determinato: "Mi intencas hejmiri ĉ i u n t a g o n (= j e ĉ i u t a g o)". Notu ke kiam la Prepozitivo ŝanĝiĝas en Akuzativon, ĝi restas Suplemento. Se la Suplemento difinas (determinas) la Predikaton, ĝi nomiĝas "Adjekto": "Ni promenis e n l a ĝ a r d e n o".

3). **La SUBORDA PROPOZICIO**. Ĝi diras en tuta frazo kun la normalaj frazpartoj tion kion diras la Epiteto kaj la Suplemento en unu aŭ kelkaj vortoj. Ĝi kutime komenciĝas per AŬ Rilata Pronomo: "Mia filo, k i u l o ĝ a s e n S i d n e o" kaj "Mi aĉetos tiom, k i o m m i p o v o s p o r t i", AŬ per Subjunkcio aŭ Adverbo funkcianta subjunkcie: "Lia propono k e n i r e s t u"; kaj "Ni havas la problemon, ĉ u n i r e t r o i r u a ŭ n e". La Suborda Propozicio povas ankaŭ reduktati, kun la samaj reguloj: "Lia tialo p o r f l u g i a l Pertho". La Suborda Frazo povas determini Adverbon: "Multe k i o n o n i d e v u s f a r i, ne faratis". Suborda frazo povas funkcii ankaŭ kiel frazparto: "K e ŝ i m e n s o g i s , ne estas vera", kaj "Mi ne scias, k i a l l i f o r i r i s", en kiuj kazoj ĝi nomiĝas "Frazparto", ne "Komplemento".

*Marcel Leereveld.*

**KOMENTO AL TREVOR .**

Mi ŝatas la anglan nomon "bottlebrush", sed mi preferas en Esperanto la vorton "kalistemono", el la greka nomo "Callistemon". Sed al fremduloj mi donas ambaŭ vortojn, por ilia intereso.

Cetere la aŭstraliaj Banksioj (Banksia), kiuj ne ricevis ekstran eŭropan nomon, havas florkapojn kiuj similas eĉ pli al "skoveloj" ol tiuj de la aŭstraliaj kalistemonoj, kaj tial vere meritus tiun nomon "*bottle brush*". Kaj kiom da aŭstralianoj scias la diferencon inter kalistemonoj kaj banksioj? *Marcel*.

**KOMENTO AL BOB .**

Post siaj ŝercoj pri loĝi en la asfalto kaj tranĉi truojn en siajn brakojn por enmeti hundon aŭ alian amatinon, Bob forgesis klarigi ke en lingvoj oni, ofte figure, kutimas doni al lokoj la signifon de la uzo de la loko, tiel ke "strato" ne signifas nur la asfalton, sed la uzon de la strato, kiu estas havi domojn ĉe si por loĝi en ili. Preni en la brakojn do ofte signifas preni en la lokon inter la brakoj. Ankaŭ Esperanto faras tion, kaj do estas normala kaj krome genia lingvo.

*Marcel Leereveld*

**(AD)MIRU** ke en "La restado ĉ i t i e" "ĉi tie" gramatike estas Epiteto, kaj ke en "La retroveno ĉ i t i e n" "ĉi tien" estas Suplemento. *M. L.*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 17a de novembro estis la tria sabato. Venis al la Manlia grupo, Roger Springer, Chris Holliss, Eunice Graham kaj John Casey. Bonaj amikoj kaj senpaga kafo. *Roger Springer*





# Kia Oro! Esperantaj renkontoj en Novzelando

Kia belega lando estas Novzelando, aktiveca kaj spertoplena estis mia vojagxo! Min fascinis naturlokoj, netuŝitaj regionoj, mirindaj pejzaĝoj, tre afablaj enloĝantoj kaj ege bonorganizata aventura busturo.



Finfine - kvankam mi havis streĉan programon pro mia rondvojaĝo kun "*Flying KIWI*" - kapablis renkonti esperantistojn, almenaū por babili kaj interŝanĝi esperante vivo- kaj vojaĝspertojn.
Dankegon gekaraj esperantoparolantoj kiuj ebligis tion. Tiel mia/nia esperantemo kreskas kaj vigliĝas.
Unue en *Christchurch* mi estis invitata en la domo de Erin por tagmanĝo. Klare estas ke mi devus ankoraŭ reveni por konatiĝi pli kun la ĉarma urbo kaj bela ĉirkaŭaĵo. Mankis la tempo.



En *Wellington* mi havis la okazon matenmanĝi en interesa kafejo kun 3 karaj esperantistoj, dankon David por organizi tion.
En *Auckland* la renkonto kun la junula flanko de esperantistoj estis vere interesa. Mi tre gratulas al Marie kaj Rouan pro ilia aktivecemo kaj deziras sukceson al la starigo de ilia grupeto. Indas subteni ilin.

Tio memorigis min pri mia aktiva tempo en Esperantujo antaŭ 30 jaroj.

Bonvenaj estas ĉiuj kiuj planas vojaĝi al Eŭropo/Germanio, mi vivas en Bingen apud la rivero Rhein, hejmo de la sanktulino Hildegard - vi povas vagadi sur ŝiajn spurojn, promeni, bicikli aŭ ŝipeniri inter kasteloj kaj vinterasoj laŭ la rivero. Mi ŝategas ĉiĉeroni kaj helpi organizi transporton aŭ de la Internacia flughaveno Frankfurt aŭ de la Ryanair-flughaveno Frankfurt-Hahn proksime de mia domo.

Mi intencas en venontan eldonon prezenti mian rondvojaĝon per bildoj, se vi iam aliĝas al "*Flying KIWI*" por turismi, anoncu mian nomon, tiam mi ricevos subtenon por reveni. ;-) *Martina Sachs-Bockelmann*





**Esperanto Pocket Textbook estas <u>PROPAGANDILO</u>**

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.



# Problemoj de la heredaĵoj.



Homoj vivas trifoje pli longe ol antaŭe.

Do oni havas pli da jaroj por gajni riĉecon.

Malsamaj riĉecoj kaj eble ĵaluzo inter la heredantoj

Eblaj influoj de fihomoj, kiuj deziras heredi el la heredaĵo.

Maljuneco, korpe, mense kaj eĉ demenco malfortigas vin

Oni ne povas uzi sian riĉecon post morto aŭ eĉ maljunaĝo.

Uzo de la leĝa sistemo por gajni pli de la heredaĵo, post morto.

Ĉiam La Registaro bezonas monon kaj serĉas aliajn impostojn.



Finfine, la morton venis

## Mi solvis la eblajn problemojn de mia heredaĵo



Dum mia senluksa vivo, dum mia tuta vivo, mi aĉetis kvar domojn proksime al la strando kaj maro en Manlio.

Ĉar mi atingas la aĝon de 87a jaro kaj miaj gefiloj havas la aĝojn inter 55a jaro kaj 62a jaro, mi vendis tri de tiuj domoj kaj dividis la monon egale kaj donis egalajn monsumojn al miaj kvar gefiloj.



Ĝojegas ke la heredaĵo okazis antaŭ la morto

Tri gefiloj ne plu pagas luprezojn. Du filoj aĉetis domojn en apuda antaŭurbo, la filino en Adelajda antaŭurbo. La alia filo repagis pruntitan monon al sia banko.

Mia edzino heredos la kvaran domon kaj nian restantan monon.



Feliĉa familio, mi, mia edzino, miaj gefiloj kaj kompreneble genepoj ktp.



Ĉu tiaj agoj solvas la problemojn de la heredaĵoj? *Mi kaj la gefiloj.* *Roger Springer*



## Gratulon al Katja

Steele, Katarina

Gratulon al Katja respektive Councillor Katarina Steele,, ĵus elektita ano de la magistrato de Mitcham, antaŭurbo de Adelajdo. *Trevor Steele*





**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine





La tialo pro kiu mankas informo pri via klubo estas ke via klubo ne sendis ĝin al AE



## UEA sendas leteron al la landaj asocioj



Karaj amikoj:

Mi skribas por peti vian helpon en la membrokampanjo de UEA por la jaro 2019. Niaj aliĝintaj landaj asocioj estas la plej gravaj fontoj de novaj individuaj membroj de nia Asocio. Ju pli da tiaj membroj ni havas, des pli bone UEA povas reprezenti la tutmondan esperantistaron.

Kaj ne temas pri ordinara jaro. En Lisbono la Komitato reformis nian membrosistemon, tiel ke ekde la venonta jaro la kategorioj “Membro kun Gvidlibro” kaj “Membro kun Jarlibro” anstataŭiĝas per la nova kategorio “Baza Membro”. Ni bezonas vian helpon por klarigi tiun ŝanĝon al viaj membroj.

Fariĝi “baza membro” de UEA estas maniero montri sian solidarecon kun la mondvasta komunumo de esperantistoj. La kotizoj por baza membreco estas ligitaj al la relativa riĉecnivelo de la diversaj landoj, ekde nur 2 eŭroj en la plej malriĉaj landoj ĝis 44 eŭroj en la plej riĉaj. Ĉiu esperantisto, kiu aliĝas laŭ la plej alta tarifo, samtempe subtenas la membriĝon de homoj kun multege malpli da rimedoj. Tiu sistemo celas esti pli justa kaj inkluziva.

Plia novaĵo estas la rabatoj por junuloj. Ĝis la aĝo de 19 jaroj, homoj povas aliĝi je nur kvarono de la kutima kotizo (t.e. 11 eŭroj en la plej riĉaj landoj). Inter la aĝoj 20 kaj 25, la kotizo estas duono de la kutima. Ni tre esperas, ke vi helpos nin diskonigi tiujn rabatojn inter la junaj esperantistoj en via lando.

Bazaj membroj ricevas ĉiujn servojn kaj rajtojn de membreco, inkluzive de rabato por la Universala Kongreso. La informoj en Jarlibro estos alireblaj elektronike per la nova reta membrospaco de UEA, al kiu iom post iom aldoniĝos novaj funkcioj. Papera eldono de la Jarlibro estos daŭre mendebla, kontraŭ aldona pago.

La kategorio Membro-Abonanto restas pli-malpli senŝanĝa. La kotizo estas tiu de Baza Membro plus 30 eŭroj por ricevi la paperan eldonon de la revuo *Esperanto.* La reta eldono estos legebla por ĉiuj membroj.

Ankoraŭ eblas fariĝi Dumviva Membro de UEA. Ekde la nova jaro la kotizo por tio egalas al 30-oblo de la koncerna jarkotizo (de Baza Membro aŭ de Membro-Abonanto). Ĝis la fino de 2018, oni ankoraŭ povas fariĝi Dumviva Membro je la malnovaj tarifoj (25-oblo).

La kialoj fariĝi individua membro de UEA restas la samaj. Ne temas nur pri la konkretaj servoj, kiujn oni ricevas kiel membro. Temas pri tio, ke UEA estas la sola Esperanto-asocio malfermita al esperantistoj en ĉiuj landoj, ĉiuj tendencoj, ĉiuj vivsituacioj. Nia Asocio estas konkretigo de la vizio de D-ro Zamenhof, pri mondo en kiu homoj renkontiĝas, amikiĝas, kunvivas kaj kunlaboras kun homoj. Eĉ en la plej riĉaj landoj, la kosto de baza membreco estas malpli ol unu eŭro semajne. Tio estas malgranda investo en granda idealo.

Niaj landaj asocioj estas kolonoj de nia Asocio, videblaj pruvoj de nia tutmondeco. Bonvolu helpi nin montri tion ankaŭ per la kreskigo de nia individua membraro! Eĉ 10%-a kresko en via lando estos bela indiko pri la solidareco de viaj samlandanoj kun aliaj samideanoj tra la terglobo.

Elkore, bondezire,
Mark Fettes
Prezidanto de UEA



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 20 La lastan fojon en Skandinavio Dua ero



En Kopenhago atendis min Børge. Li ankoraŭ aspektis kiel si mem, sed diris, ke mi intertempe plidikiĝis. Tio ne gravas, ankaŭ en Aŭstralio la manĝaĵo bongustas. Ni iris vagonare al Svendborg sur la insulo "Fyn", Fueno, 30 kilometrojn de Odense, kie situas la muzeo de Hans Chiristian Andersen, kiun ni ree pririgardis. Ĝi estis intertempe plimodernigita kaj pligrandigita. Sur ĝia tegmento estas nun du kupoloj. Imagu tion, granda impona konstruaĵo kun du kupoloj. Kaj en ĝi vivis Hans Christian Andersen, unu el la plej malriĉaj homoj sur Fueno, ĝis li 14-jara transloĝiĝis al Kopenhago por serĉi sian feliĉon. La urboestraro evidente ne sciis, kion ĝi faris. Anstataŭ respekti la domon, kie H.C. Andersen pasigis siajn infanajn jarojn, oni malbeligis ĝin per du kupoloj. Kie estas la prudento ? Al Børge ĝi tamen tre plaĉis. Nun estas tie restoracio kaj kaftrinkejo, sed ne eblis ion aĉeti tie, ĉar oni ne havis tempon por danaj turistoj, sufiĉis al la servistaro priservi la pli multajn eksterlandajn gastojn, el kiuj la plejmulto venis el Usono !

Ni eliris kaj manĝis aliie en la urbo, kiu, malgraŭ ĉio, ankoraŭ estas belega, kvankam ĝiaj enloĝantoj ne plu estas tiaj, kiaj ili kutimis esti.

Estas sude de Svendborg tiom da insuloj, ke oni nomas ilin arkipelago. Ni ŝipveturis al kelkaj el ili. De Svendborg estas ankaŭ ponto al unu el ili, kaj iam ni biciklis tien. Estas tiom da belegaj vidindaĵoj sur Fueno, ke oni povus pasigi sian tutan vivon tie, kaj ŝajnas ke Børge intencas fari tion !

Sed ne estas bone, ke du fratoj loĝu kune. Iom post iom mi deziris vidi ankaŭ ion alian. Mi ankoraŭ ne estis vizitinta mian plej amatan urbon, Kopenhago. Mi do adiaŭis Børge, prenis la buson de Svendborg al Nyborg, kaj de tie iris vagonare al Kopenhago. Ĉio estas nuntempe tiom ŝanĝita, ke oni preskaŭ ne rekonas ion ajn. Ĉiuj stacidomoj en Danlando havas necesejojn, atendejon, biletvendejon, gazetvendejon, bombonvendejon, gardistojn ktp. Sudaŭstralio povus lerni multon vizitante Skandinavion. En la ĉefstacidomo kopenhaga mi aĉetis bileton al "Skovlunde". Mi preskaŭ havis koratakon aŭdante la prezon por nur 20-minuta vagonarvojaĝeto. Sed ĉio multekostas tie.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Dissemu semojn de Esperanto.*

*Homoj ne subtenas Esperanton se ili ne konas la vorton Esperanto.*

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** En la elsendo de la 19a de novembro vi trovos informojn pri la esperanto muzeo en *Svitavy*, opinion pri la sporta mondo kaj la ideoj, kiuj plidisvastiĝis ĉirkaŭ la unua mondmilito kiel universalismo kaj sennacismo.



Restas iom da tempo por sendi vian mandatilon al 3ZZZ

La kunvokanto *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★